# BELGA ESPERANTISTO


MONATA REVUO


*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*
*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Belga Ligo Esperantista

*Projekto de protokolo pri la komitata kunveno okazinta en Gent la 17an de Aŭgusto 1913.*

La kunsido estas malfermata je la 15a. S-ro Witteryck prezidas. Ĉeestas : *delegitoj de la ĝenerala kunveno :* S-roj Babilon, Champy, Rommel (anst. S-ron Farotte), kaj Schoofs (anst. S-ron Van Schoor) ; *delegitoj de la grupoj :* S-roj Van der Biest kaj Van de Velde (A. G. E.) ; Jacobs kaj Derks (S. L.) ; Vermandel (V. S.) ; F-ino Posenaer (L. B.) ; S-ro Clerbaut (B. G.) ; Witteryck kaj F-ino Ledène (B. G.) ; S-ro Mathieux (Br. Fed.) ; Delvaux (K. G.) ; Van Aecker (Caprycke) ; Sebruyns kaj Petiau, (G. G.) ; Leflot (L. S.) Pastro Richardson senkulpiĝis. Sume 20 delegitoj ĉeestas, riprezentantaj 33 voĉojn, laŭ la nova regularo.

1e. *La protokolo* de la antaŭa kunsido estas aprobata sen rimarko, laŭ la teksto presita en *Belga Esperantisto* N° 54 (Aprilo, paĝo 126).

2e. *Aliĝo de la « Esperantista Grupo de Lodelinsart ».* La prezidanto sciigas, ke tiu grupo petis aliĝon kaj sendis al li la informojn postulatajn de la regularo. Li diris,ke li esploris la regularon de tiu grupo, kiu neniel kontraŭstaras la Ligan regularon.

Tiu grupo estas unuvoĉe akceptata kiel aliĝinta grupo.

Okaze de tio, D-ro Van der Biest demandas al la prezidanto, ĉu iu grupo, kiu havas specialan celon krom la disvastigado de Esperanto, ekz. laŭ religia, filozofia aŭ politika vidpunkto, povas aliĝi la Ligon. Post ĝenerala diskutado estas decidate, ke por la bono de nia afero estas dezirinde, ke tiuj grupoj ne estu akceptataj en la Ligo. Plie, la Komitato rememorigos al la jam aliĝintaj grupoj, ke ili devas sin konformi al la art. 2a de la regularo.

En tiu momento S-ro A. Henraut, delegito de la grupo de Lodelinsart, eniras la kunvenejon. La prezidanto deziras al li, en la nomo de ĉiuj, koran bonvenon kaj al lia grupo longan vivon kaj prosperecon. S-ro Henraut dankas per kelkaj vortoj.

De tiu momento, la nombro de la ceestantoj estas 21 kaj la voĉoj 34.

3e. *Klarigoj pri la nova regularo*. Ĉar estas la unua fojo, ke la komitato kunvenas de kiam la nova regularo estas aprobita, necesas klarigi kelkajn punktojn.

Estas do decidate, ke :

A. Kiam du delegitoj riprezentas nesamvaloran nombron da voĉoj, la plej granda parto estos aljuĝata al la delegito, kiu estas enskribita la unua kiel riprezentanto de la grupo.

B. La grupoj rajtas sendi du delegitojn, nur kiam la nombro da anoj estas minimume 75.

C. Oni devas aldoni antaŭ la lasta paragrafo de la art. 6a : « Ĉiu grupo rajtas unu voĉon. »

4e. *Ŝanĝo de la 1a paragrafo de la art. 7a*. D-ro Van der Biest klarigas la celon de la propono farata de S-ro Delvaux, Jacobs kaj li. Tiu propono estas unuvoĉe akceptata ; sekve, la jena nova teksto de la art. 7a estos proponata dum la proksima ĝenerala kunveno :

Art. 7a. La direktanta komitato konsistas el :

A. La delegitoj de la grupoj ;

B. Maksimume ses membroj elektitaj de la grupaj delegitoj, kiuj ne rajtas elekti pli ol du personojn el la sama grupo.

La cetero de la malnova teksto ne ŝanĝiĝas, sed kiel sekvo de tiu decido nur la unua paragrafo de la art. 8a estas ankoraŭ utila ; la cetero estos forstrekata, kiel ankaŭ la plena art. 9a.

5e. *S-ro Jacobs faris la jenan proponon :* « Oni povas transdoni sian voĉrajton al alia ligano ». Sed ĉar la ŝango de la art. 7a estas akceptata, li reprenas sin proponon.

6e. *Proksima Nacia Kongreso*. La prezidanto kaj S-ro Jacobs konigas la staton de tiu demando. La nuna rezultato estas, ke kelkaj amikoj en Meĥleno akceptas la taskon organizi la VIan kongreson en tiu urbo. La komitato petis S-ron Jacobs daŭrigi sian agadon por la organizado de tiu okazontaĵo.

7e. *Diversaĵoj*. La prezidanto sciigas, ke kelkaj delegitoj, kiel li, opinias ke estus utila por nia afero, ke oni proponu la honoran prezidantecon de la Ligo al iu eminentulo, kies nomon li citas. Akceptate. Li proponas ankaŭ elekti S-ron Senatanon de Cloedt el Brugge, kiel honoran membron de la Ligo. Akceptate.

8e. *Reelekto de la kvin membroj de la Estraro*. Antaŭ ol pritrakti tiun temon, S-ro Champy sciigas, ke, pro kialoj, kiujn li nun ne volas klarigi, li petas, ke liaj kolegoj ne plu elektu lin kiel ĝeneralan sekretarion.

Post voĉdonado la rezultato estas la jena :

*Prezidanto* : S-ro Witteryck ;

*Vicprezidantoj* : S-roj Pastro Richardson kaj Delvaux ;

*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Petiau ;

*Kasisto* : S-ro Mathieux.

La kunveno disiĝas je la 16 1/2a. L. CHAMPY,

# Xa Universala Kongreso de Esperanto

**(Paris, 2-10a de Aŭgusto 1914)**

## 1a Circulero

Tiu cirkulero, kiu sin turnas nur al la Francujaj esperantistoj, rilatas al la starigo de garantia kapitalo.

## 2a Cirkulero

Por ke la « Deka » bone sukcesu, estas nepre necese, ke la Organiza Komitato sciiĝu, kiel eble plej baldaŭ, pri la nombro de la kongresanoj.

Pro tio, tuj konigu al la Komitato vian aliĝon laŭ jena adreso :

**Deka Kongreso de Esperanto,**

**3, place Jussieu, Paris** (France).

Kune sendu vian kotizon per poŝtmandato, ĉeko aŭ transpagilo.

ATENTU ! — *Ĝis la 1a de Junio 1914 tiu kotizo estas 15 frankoj* (10 frankoj por familianoj : edzino kaj infanoj).

*Post la 1a de Junio 1914, tiu kotizo estas 25 frankoj* (20 frankoj por familianoj).

Eĉ se vi ne estas certa, ke vi povos veni al la Kongreso, tamen *aliĝu tuj*, ĉar se vi ne ĉeestos, oni repagos al vi vian antaŭpagitan kotizon, deprenante nur unu frankon por oficejaj elspezoj. Sufiĉos, ke vi tion petos, sendante vian provizoran karton, antaŭ la 1a de Aŭgusto 1914.

Sekve, nenion riskante, vi ricevos grandan profiton, se vi aliĝos antaŭ la 1a de Junio 1914. Sed vi ricevos pli grandan profiton, se vi aliĝos kiel eble plej baldaŭ, ĉar *la ĉiumonatan Kongresan Gazeton, ĉiu kongresano (escepte la familianoj) ricevos senpage nur de post la tago de sia aliĝo.*

La unua numero aperos la 1an de Januaro 1914, kaj ĝin ricevos nur la kongresanoj, kies aliĝojn ni estos ricevintaj *antaŭ la 31a de Decembro 1913*. Ĉar ni presigos precize la sufiĉan nombron da ekzempleroj, al kongresano, kies aliĝon ni ricevos ekzemple en Marto, ni sendos la Kongresan Gazeton nur de la 1a de Aprilo.

*Rimarko.* — Se vi havas presitan aliĝilon, uzu ĝin por sendi vian aliĝon ; tio estas preferinda, sed ne necesa.

LA ORGANIZA KOMITATO DE LA « DEKA ».

# BELGA KRONIKO

Tre intime, laŭ mia opinio eĉ iom tro intime, la *Antverpena Grupo* prifestis la 26an de Oktobro la dekan datrevenon de sia starigo. Ĉar tiu societo estas la unue fondita en nia lando, la festo estis samtempe tiu de l' dekjara ekzistado de la esperantista movado en Belgujo.

Antaŭ la fondo de l' A. G. E. aperis tamen jam artikoloj en ĵurnaloj, verkitaj de talentplena viro, kiu bedaŭrinde forlasis poste niajn vicojn, ĉar lin forlogis «plibonigoj» de nia tamen tute taŭga Esperanto. Malgraŭ tio oni ne rajtas forgesi, ke liaj artikoloj en *Le Petit Bleu*, ke lia parolado en Antwerpen estis la unuaj manifestacioj de la esperantista movado en Belgujo. En Oktobro 1902, dank' al tiu parolado de S-ro LEMAIRE, dank' al la iniciato de S-ro D-ro R. VAN MELCKEBEKE, estis starigata en Antwerpen kurso, kiun faris S-ro L. JAMIN. En Februaro 1903 la lernantoj de tiu kurso fondis la Grupon.

Danke mi rememorigas ĉi tie pri la personoj, kiuj sinsekve akceptis la prezidantecon de l'A. G. E., S-roj D-ro VAN MELCKEBEKE kaj VAN SCHOOR, kaj mi ne volas preterlasi, danki ankaŭ tiujn, kiuj sindone prenis sur sin la pezan ŝarĝon, instrui la gelernantojn ; iliajn nomojn mi ne citos, ĉar mankas al mi la dokumentoj : mi nur nomos la lastajn, F-inon POSENAER, S-rojn FINET, VAN SCHOOR kaj CHAMPY. Kaj — ĉefe ! — mi rememoras la karajn formortintojn, inter kiuj la plej agema kaj la plej amata estis... sed ĉu lin nomi estas *mia* tasko ?

Pri la troa intimeco de la festo oni ne havis la okazon rememorigi la ĉeestantojn pri tiuj personoj, kiuj ege utilis nian movadon.

La festo konsistis el du partoj : parolado kaj festeno.

La paroladon — raporton pri la kongreso de Bern — faris nia agema, sindona, elokventa amikino F-ino POSENAER. Ĝia teksto aperis en la lasta numero de *Belga Esperantisto* : mi do ne plu devas ĝin laŭdi. La oratorino, kiun okdeko da personoj aŭskultadis dum kvazaŭreligia silento, samtempe montris belan aron da lumbildoj, kun la afabla kaj kompetenta helpo de S-ro CHAMPY. Antaŭe S-ro VAN SCHOOR, prezidanto de la festanta grupo, estis klariginta al la ĉeestantaro la signifon de la festo ; post la parolado, li fajre dankis la oratorinon en la nomo de la publiko kaj en tiu de la grupa estraro ; li samtempe dankis la urbestraron, kiu metis salonon en la Supera Lernejo kaj lumbildaparaton je la dispono de l'A. G. E.

Poste oni iris al la *Taverne Royale*, kie bonega festeno atendis la grupanojn. Je la horo de l'tostoj la prezidanto trinkis je la sano de D-ro ZAMENHOF kaj je la florado de l'grupo. La jenan telegramon oni sendis al la kreinto de Esperanto :

*Antverpena Grupo, festanta dekjaran ekzistadon, salutojn kaj bondezirojn sendas al kara Majstro.*

S-ro CHAMPY, sekretario, legis gratulan telegramon de la grupo *Suda Lumo* kaj leteron de la *Genta Grupo* — ambaŭ aklamataj — kaj konigis la senkulpigpetojn de F-inoj DE KOCK kaj VERMEULEN kaj de S-ro D-ro VAN MELCKEBEKE.

Oni ovaciis S-ron SCHOOFS, kiu esprimis la simpation de la grupo *Verda Stelo* al la A. G. E.

Poste okazis koncerteto, dum kiu ĉerpis laŭrojn F-ino ORIS, de la Flandra Operejo — kiu per belega voĉo kantis diversajn ariojn — kaj niaj amikoj VAN SCHOOR — kies talenton ĉiuj grupanoj konas —, RITSCHIE — baso, kiun envias al ni la plej famaj scenejoj —, kaj VAN DE VELDE — kiu ravis ĉiujn, deklamante la admirindan monologon *La Preĝejo de Mahomet.* (1)

Agrabla vespero. Sed... sed kial kelkaj forestoj? Mi ne parolas pri nia bonega amiko FINET, kiu pro feliĉe baldaŭ finiĝonta malsano ne povis veni, sed kial ne ĉeestis la ĉefa fondinto de l' grupo, viro, kiu restis sincera esperantisto kaj al kiu iras ĉies simpatio? Kie estis alia samideano, kiu antaŭ kelkaj jaroj estis la viviganto de niaj kunsidoj, kaj kies « gajaj kantoj » estas ankoraŭ sur ĉies lipoj? Mi bedaŭras — ne mallaŭdas — ilian foreston, kaj mi esperas, ke en aliaj cirkonstancoj la grupanoj havos la ĝojon, ilin revidi inter si.

La feston ĉeestis nur du fondintoj : S-ro VAN SCHOOR kaj mi. Post la festeno, kiam ni estis plu nur duope, ni gratulis unu la alian. D-ro W. VAN DER BIEST.

**ANTWERPEN.** — **Universala Esperanto-Asocio.** — La 3an de Novembro okazis sub la prezidanteco de S-ro VERMANDEL, delegito, la ĝenerala jarkunveno de U. E. A. Dum la la lasta jaro, la delegito faris 135 diversajn servojn, ricevis kaj forsendis 403 leterojn ; lin vizitis 32 diverslandaj membroj. Post la legado de la raporto, oni elektis kvar novajn konsulojn kaj konsulinojn; fine oni decidis, ke okazos ĉiumonate kunveno de U. E. A. AVO.

— Kun la patronado de U. E. A. kaj de la *Esperantista Federacio de Antwerpen* (ĉu ĝi do ekzistas ?) okazis la 9an de Novembro parolado de S-ro BUDJEVAZ, Serba militkuriero kaj ĵurnalisto, pri *La Balkanaj Militoj*. Cento da personoj ĉeestis, inter kiuj ne-esperantistoj, por kiuj S-ro SCHOOFS kun rimarkata talento flandralingven tradukis la paroladon. La oratoro, kiu prezentis grandan aron da belaj lumbildoj, havis multe da sukceso.

Laŭ veto farita kun S-ro TOSIĈ, ĉefredaktoro de la influa Serba ĵurnalo *Samuprava*, S-ro BUDJEVAZ devas fari dum unu jaro paroladojn en Esperanto pri la Balkanaj militoj, en Eŭropo kaj Ameriko : en okazo de sukceso, S-ro TOSIĈ enkondukos en sian ĵurnalon konstantan priesperantan fakon. JAN.

**BRUGGE.** — La 8an de Novembro, S-ro WITTERYCK, la agema prezidanto de la *Belga Ligo*, faris paroladon en la societo *Vlaamsche Broederband* kaj varbis 19 novajn adeptojn. JOHANO.

**BRUSSEL.** — De post la 17a de Novembro, S-ro D'ARTOIS faras kurson de Esperanto ĉiulunde, en la *Vlaamsch Huis*, je la 8a; S-ro HAINE faras perfektigan kurson. F-ino MOREAU faras ankaŭ kurson en Brussel, kaj S-ro HAINE en Cureghem. En St Gilles kaj en la *Cercle Polyglotte* (Brussel) nia afero ankaŭ bone progresas. M. M.

— Bruselaj samideanoj, kiuj interesiĝas je sociaj demandoj, fondis novan grupon, nomatan *Socia Brusela Grupo*. Ĝis nun pli ol 40 membroj, ĉiuj flue

(1) Mi mem estas la aŭtoro !

Esperante parolantaj, enskribiĝis. La kunvenoj okazas ĉiudimanĉe, je la 7a, 23, boulevard du Hainaut. Sekretarioj estas S-roj HAINE kaj DE LEENER, la fondintoj de la grupo. KAMARADO.

— Senpaga informejo starigita sub la patronado de la komunuma administracio de Brussel, 19, Passage du Nord, estas la dispono de ĉiuj gesamideanoj, kiuj, vizitante la belan, interesplenan belgan ĉefurbon, deziras iun ajn informon. B. F.

— La 16an de Novembro, la *Federacio de la Bruselaj Grupoj* havis sian monatan kunvenon. Oni kunmetis la estraron jene : prezidanto, S-ro Prof-ro VAN DRUNEN ; vicprezidantoj, S-roj D'HAENENS kaj MATHIEUX ; sekretariino, F-ino JENNEN ; kasistoj, S-roj MEYNKERCKEN kaj D'ARTOIS ; bibliotekistino, F-ino MOREAU. M. JENNEN.

**CAPRYCKE.** — Mi jus malfermis en la komunuma lernejo du kursojn, kiujn ĉeestas 31 gelernantoj, interalie la vilaĝestro. S. DERVAUX.

**GENT.** — Propaganda festo okazis la 8an de Novembro, en la salonego *Willem Tell*. La tre multnombraj ĉeestantoj interesiĝis multe je la ludataj teatrajoj *Junulinkapricoj*, tradukita de S-ro L. VARENDONCK, kaj *L' Héritage Klodarec*, la bonkonata franca propagandteatrajo. Ankaŭ kelkaj kantoj kaj deklamoj okazis, kaj la ĉarmplena festo finiĝis, komprenenble, per gaja baleto.

La novaj kursoj malfermiĝis la 10an de Novembro. 30 novaj gelernantoj ĉeestis. La kursoj regule okazos ĉiujn lundojn, je la 7 1/2a vespere, en la sidejo de la *Genta Grupo*, ĉambrego de l'notarioj, Laurentplaats. BLAK.

**LEDEBERG.** — S-ro SEBRUYNS, la prezidanto de la *Genta Grupo*, faris flandran paroladon pri Esperanto en la urbdomo de Ledeberg, la dimanĉon 18an de Oktobro. Sekve de tio, F-ino E. COLIJN faras kurson ĉiujn lundojn, en la Komunuma Lernejo por Knaboj, Onderwijsstraat, je la 7a vespere. 72 gelernantoj ĝin ĉeestas. Tiu sukceso estas grandparte ŝuldata al la persona propagando de S-ro VARENDONCK ĉe amikoj kaj konatoj. BLAK.

**MONS.** — En unu el la ĉefaj jurnaloj de Mons, *La Province*, aperis tre interesa poresperanta artikolo, verkita de S-ro COLPIN. JOHANO.

**NAMUR.** — Nia fervora samideano S-ro TINANT, plenumante sian militservon en la Fort St Héribert, apud Namur, varbis 19 kunsoldatojn al Esperanto kaj donas instruadon al ili. M. JENNEN.

———xxxx———

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — Dum la lasta Angla Kongreso de la Paco, la famkonata pacifisto MOSCHELES sukcesis akceptigi deziresprimon por ke Esperanto estu uzata dum la estontaj kongresoj kaj internaciaj konferencoj.

— (1) Funkciadas nun nova entrepeno en Londono, entreprenita de S-roj BLAISE kaj EVANS, la *Esperanta Veturista Oficejo* ; la unua veturado okazos dum la Kristnaskaj tagoj, de London al Paris.

Stariĝis *Eklezia Ligo Esperantista*, al kies aliĝo estas invitataj ĉiuj anoj de l'Anglikana Eklezio. La celo estas propagando de Esperanto inter pastroj, gelaikoj, kleruloj kaj emi entuloj de l'Anglikana Eklezio, enkonduko de Esperanto inter misiistoj, k. t. p.

**AŬSTRALIO.** — La oficiala oficejo de Turismo de Brisbane publikigis serion da esperantaj poŝtkartoj kun la plej belaj vidaĵoj de Aŭstralio. Tiu oficejo akceptas ankaŭ Esperanton por siaj korespondaĵoj.

**AŬSTRIO-HUNGARUJO.** — En Székesfejervar la estraro de iu asocio volis starigi popolan kunvenon por propagandi Esperanton, sed la policestro

(1) El letero de F-ino ŜEFER.

malpermesis tion, tial ke, li diris, « Esperanto estas lingvo ŝtelista, eltrovita nur, por ke la fihomoj sin komprenu unu la alian. » Sen komentario !

**ĈILIO.** — La 8a Kongreso de Sciencoj en Ĉilio esprimis la deziron, ke Esperanto estu enkondukata en la instruistajn, militistajn kaj maristajn lernejojn.

**FRANCUJO.** — S-ro Chaumet, eksministro de Poŝtoj kaj Telegrafoj, akceptis la honoran prezidantecon de la *Asocio de la Francaj Poŝtistoj Esperantistaj*.

— Rezultas de statistiko publikigita de la *Politeknika Asocio*, kies prezidanto estas la Franca Ministro S-ro Baudin, ke krom la francaj (28), anglaj (36), germanaj (41), hispanaj (15) kaj italaj (10) lingvaj kursoj, farataj en Parizo, ekzistas ankaŭ 20 ĉiusemajnaj kursoj de Esperanto, farataj sub la patroneco de tiu potenca Asocio.

— La « Deka » kredeble okazos en *Gaumont-Palace* (eks-*Hippodrome*). Oni ludos en Esperanto teatraĵon de fama franca aŭtoro, speciale verkitan por tiu okazo.

**HISPANUJO.**—La Reĝo de Hispanujo, kiu jam de longa tempo estas favoranto de Esperanto, ordonis la organizon de Esperanta instruado en la Universitato de Madrid kaj de kursoj de helpa lingvo en la *Instituto Sankta Isidoro* kaj en la normalaj lernejoj.

**ĤINUJO.** — La Ministro de Instruado skribis al Generalo Sebert : « De nun mi faros mian eblon por disvastigi la helpan lingvon en ĉiuj partoj de la Respubliko. Kiel pruvo, ke mi estas « samideano », mi hodiaŭ starigis grupon en la ĉefurbo.»

**KANADO.**—S-ro Mudie, vojaĝante en Kanado, vigle propagandas Esperanton. Sur la ŝipo jam li faris paroladon antaŭ elektita ĉeestantaro. Li propagandis en diversaj urboj, speciale en Toronto kaj Montreal, vizitis gazetajn redaktejojn kaj refervorigis malnovajn samideanojn.

**PORTUGALUJO.** — En Porto, ĉe la *Colegio dos Orfãos*, novaj kursoj malfermiĝis. Tiuj ĉi estas oficialaj de la urbo kaj ankaŭ *devigaj*. Pri ili la urbestro sendis leteron al la prezidanto de la Grupo Esperantista, laŭdante kaj dankante la profesorojn de Esperanto.

**RUSLANDO.**—En Petersburgo, la Ministerio de l'Komerco kaj Industrio oficiale promesis al la *Societo Espero* monhelpon de 1000 rubloj, por la fondo de komerca kaj industria kontoro esperantista en Peterburgo.

— [1] La Petersburga *Voskresnaja Vecernjaja Gazeta* (Dimanĉa Vespergazeto) publikigas tre favoran artikolon pri la prezentado de *Ginevra*, kaj rememorigas pri la prezentadoj de *Kaatje* en Antwerpen. Ĝi entuziasme gratulas S-inon Bertrijn kaj S-ron Verstraete.

**SKOTLANDO.** — En Edinburgo la policestro oficiale konsilis, ke ĉiuj policanoj lernu Esperanton. La *Skota Federacio* nun propagandas inter la poŝtistoj.

**SVISUJO.** — Dum la jaroj 1910-1911, U. E. A. faris specialan kolekton, por doni premion al Esperantisto, kiu estos transfluginta diversajn landojn, uzante en ĉiu lando la servojn de la delegitoj de U. E. A. Tiuj, kiuj ĉeestis la Bernan Kongreson, memoras, ke, laŭ peto de la Organiza Komitato, la famkonata aviadisto S-ro Bider vizitis ilin aeroplane dum festo sur la monto Gurten : U. E. A. decidis doni al li la premion, konsistantan el ora medalo.

**USONO.** — La Akademio de Sciencaj kaj Artoj de Pittsburg, kiu estas filio de la « Instituto-Carnegie » kreis Esperantan sekcion.

— En Usono 6.000 infanoj, apartenantaj al 94 lernejoj, studas Esperanton kaj korespondas per tiu lingvo kun gesamideanoj en la tuta mondo.

Interim.

---

[1] El letero de S-ro Agurtin.

## Diversaj Informoj

**Propagando.** — Mi atentigas la geesperantistojn pri nova propagandilo tre praktika. Ĝi konsistas el kartono, sur kiu estas presita, bone legeble, *Esperanto*, sekvata de « Langue Internationale Auxiliaire — Hulpwereldtaal ». Sub tio estas loko, kie oni povas alfiksi moveblan folieton, sur kiu oni presigas dulingve ĉiuspecajn informojn ; kiam necese, oni presigas alian folieton kun novaj informoj, kaj alfiksas ĝin anstataŭ la unua. La kartonoj estas disdonataj en ĉiuj magazenoj. Tiu propagandilo estas sufiĉe malkara kaj faras tre efikan propagandon ĉe la publiko. G. VERMANDERE.

**Esperantistaj manĝokartoj.**—Kiam oni organizos esperantistajn festenojn, oni uzu ĉiam la belegajn multkolore presitajn manĝokartojn (9 1/2 × 14), kiujn ĵus eldonis nia amiko ARTH. VERMANDEL, Borgerhoutschestraat, 72, Antwerpen, laŭ la desegnaĵo de nia samideano ANT. CASSIERS, famkonata arĥitekturisto en Antwerpen. Ili estas haveblaj je la prezo de fr. 6.00 (Sm 2.400) por 100 ekzempleroj, afrankite ; oni estas petata aldoni la monon al la mendo, per transpagilo aŭ poŝtmandato. AVO.

**En Fresnes** (Nord), je nur 10 Km. de la Belga landlimo, okazos dum Decembro, kredeble la 7an, granda propaganda festo (muziko, kantoj, parolado kaj teatraĵo). La belgaj gesamideanoj estas kore invitataj ; ili mendu programon ĉe S-ro Richez, delegito de U. E. A. R. R.

---

# BIBLIOGRAFIO

**D-ro Anakreon A. Stamaliadis.** — *Vortaro Greka-Esperanto*. — Samos. Presejo O. Travlo. 1914. — Prezo 2 Sm. — Havebla ĉe J. Kollaro, Strato Stadio, 44, Ateno.

Bona kaj plena vortaro enhavanta prologon de XX paĝoj pri Esperanto kaj 424paĝan leksikon greka-esperantan.

La 35paĝa radikaro finas la verkon. La libro estas bone kaj klare presita kaj ni ne dubas pri la sukceso de tiu vortaro en la grekparolantaj regionoj. Ni trarigardis la verkon kaj ni gratulas nian samideanon, kiu verkis la leksikon, pro la ĝusteco de la tradukaĵoj. Lia laboro helpu la progreson de nia lingvo en la lando de Homero ! O. V. S.

---

# Titolaro de la verkoj en kaj pri Esperanto aperintaj en Belgujo

## A. Literaturo.

AMATUS. — Vidu VAN DER BIEST-ANDELHOF.

ANTVERPENA GRUPO ESPERANTISTA (lernantinoj de la supera virina kurso). — *Pajleroj kaj Spikoj*, kolekto da rakontoj kaj anekdotoj. 1909. 48 paĝoj, 20×13 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. Ferd. Casie, Antwerpen.

CLÉ. — Vidu ISIDORE (Frato).

FRENKEL (ROMANO). — *Verdaj Fajreroj*, kolekto da originalaj versaĵoj. 1908. 43 paĝoj, 19×13 cm. Prezo fr. 1. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

Isidore (Frato I. Clé). — *Heroa fideleco*, unuakta komedieto, presita per literoj Braille. 1910. 16 paĝoj, 16×24 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

— *Alekso*, duakta dramo, presita per literoj Braille. 1910. 48 paĝoj, 16×24 cm. Prezo : fr. 1.30. Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

Jan. — Vidu Van der Biest (D-ro Willem).

Ledène (Bertha). — *Dramo*, originala monologo. 1910. 7 paĝoj, 20×10 1/2 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

Lemaire (Komandanto Charles). — * *Tra Mez-Afriko*. Francl. kaj Esper. Ilustrita de multaj fotografaĵoj. 85 paĝoj, 28×22 cm. Prezo : fr. 2.50. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

Posenaer (Maria). — *Laŭdado pri Antverpeno*, de Edm. De Bruyn. 1913. 8 paĝoj, 22×14 cm. Prezo : fr. 0.15. Eld. «Belga Esperantisto », Antwerpen.

— *Ne dezirita, Ni virinoj*, de Johanna van Woude. 1910. 31 paĝoj, 20×13 1/2 cm. Prezo : fr. 0.60. Eld. De Vos & Van der Groen, Antwerpen.

— *Rikke-Tikke-Tak*, de Hendrik Conscience. 1912. 113 paĝoj, 20×13 1/2 cm. Prezo : fr. 2.50. Eld. De Vos & Van der Groen, Antwerpen.

Schoofs (Frans). — *Kion patrino povas suferi*, de Hendrik Conscience. 1913. 40 paĝoj, 16 1/2 × 12 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. « Belga Esperantisto », Antwerpen.

Unterman (Rubin). — *En Danĝero*, originala triakta dramo en versoj. 1911. 96 paĝoj, 19 1/2 × 14 cm. Prezo : fr. 2.50. Eld. « 't Kersouwken », Antwerpen.

Van de Velde (Alfons). — *La Ŝipeto*, de Jacob De Vos, unuakta dramo. 1913. 27 paĝoj, 24 1/2 × 16 cm. Prezo : fr. 0.75. Eld. « Belga Esperantisto », Antwerpen.

Van der Biest-Andelhof (Amatus). — *Majstro Huyghe*, novelo de Rosalie Loveling. 1909. 12 paĝoj, 24 1/2 × 15 1/2. Prezo : fr. 0.50. Eld. « Belga Esperantisto », Antwerpen.

— * *Devo de Reĝo*, unuakta tezdrameto de Nestor de Tière. 1908. 8 paĝoj, 25 × 16 1/2 cm. Prezo : fr. 0.75. Eld. « Belga Esperantisto », Antwerpen.

— *Devo de Reĝo*, dua eldono. 1912. 10 paĝoj, 24 1/2 × 16 cm. Prezo : fr. 0.75. Eld. « Centra Esperantista Belga Oficejo », Antwerpen.

— *Por kvietaj personoj*, unuakta komedieto de Emanuel Van Driessche. 1911. 14 paĝoj, 24 1/2×15 cm. Prezo : fr. 0.75. Eld. « Centra Esperantista Belga Oficejo », Antwerpen.

---

° La verkoj markitaj per steleto estas elĉerpitaj.

VAN DER BIEST (D-ro WILLEM). — *Amours Esperantistes*, vaudeville en un acte, 1910. 15 paĝoj, 20 × 10 1/2 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *Kaatje*, de PAUL SPAAK, kvarakta teatraĵo, kun antaŭparolo de EMILE VERHAEREN. 1910. 111 paĝoj, 21 × 15 1/4 cm. Prezo : fr. 2.50. Eld. Hachette & Cie, Paris (Kolekto de «La Revuo»).

— *Ŝi ne legos ĝin*, originala monologo. 1909. 7 paĝoj, 20 × 10 1/2 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— * *La Revuo de la Sepa*, originala unuakta revuo. 1911. 47 paĝoj, 19 × 14 cm. Prezo : fr. 1.00. Eld. «La Sepo por la Sepa», Antwerpen.

— *La Amuzistoj*, kvarakta teatraĵo de MIGUEL ZAMACOÏS. Baldaŭ aperos.

— *Bietje (Binjo)*, unuakta teatraĵo de MAURITS SABBE. Baldaŭ aperos.

VAN MELCKEBEKE-VAN HOVE (S-ino EDMOND). — *Blinda Rozo*, de HENDRIK CONSCIENCE, ilustrita de desegnaĵoj de EDWARD DUJARDIN. 1906. 53 paĝoj, 20 × 13 cm. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

VAN MELCKEBEKE (D-ro RAYMOND) kaj SEYNAEVE (MAURICE). — *Paĝoj el la Flandra literaturo*. 1904. 136 paĝoj, 19 × 13 cm. Prezo : fr. 1.50. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

VAN SCHOOR (OSCAR). — *Formortinta Delsuno, rakontita de li mem*, de RENÉ VERMANDERE. 1910. 119 paĝoj, 19 × 14 cm. Prezo : fr. 2.50. Eld. « Centra Esperantista Belga Oficejo », Antwerpen.

— *Judas'o*, originala drama monologo por sinjoro. 1912. 7 paĝoj, 19 × 14 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. « Centra Esperantista Belga Oficejo », Antwerpen.

— *La Turisto kun la verda Stelo*, originala monologo por sinjoro. 1910. 8 paĝoj, 21 × 13 1/2 cm. Prezo : fr. 0.40. Eld. « Centra Esperantisto Belga Oficejo », Antwerpen.

WITTERYCK (A. J.). — *Kelkaj Floroj Esperantistaj*, agrablaj legaĵoj kun multaj ilustraĵoj (2 serioj).

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Serio Ia, nº 1. | 1903. | 24 paĝoj, form. : | 19 × 13 cm. | Prezo : fr. | 0.20. |
| » | nº 2. 1905. | » | » | » | 0.20. |
| » | nº 3. 1906. | » | » | » | 0.20. |
| » | nº 4. 1907. | » | » | » | 0.20. |
| » | nº 5. 1907. | » | » | » | 0.20. |
| » IIa, nº 1. | 1910. | » | » | » | 0.20. |
| » | nº 2. 1910. | » | » | » | 0.20. |

Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

(*Daŭrigota.*) A. VERMANDEL.

Miguel ZAMACOÏS.

# LA AMUZISTOJ :

(LES BOUFFONS)

: **Kvarakta teatraĵo en versoj**

TRADUKITA DE

**D-ro W. VAN DER BIEST**

## PERSONOJ

RENATO DE CHANCENAC (ĴAKASO).
ROBERTO DE BELFONTE (NARCISO).
BARONO DE MAUTPRÉ.
SOLANĜO, lia filino.
OLIVERO, lia kuracisto kaj intendanto.
VULKANO.
NIKOLO, servistino de la Barono.
JAKOBO, JULIANO, PETRO — liaj servistoj.
BAROKO, HILARO, JOHAĈJO — amuzistoj.
VENDISTO.
ROĜERO, servisto de Renato.
Unua portisto.

*En Francujo, dum 1557.*

## Unua Akto.

*La scenejo prezentas grandan ĉambron en malnova kastelo pentrinde kadukiĝinta, konstruita laŭ gotika stilo kun kelkaj partoj renecance ornamitaj.— En la fundo oni vidas la kamparon, tra bela fenestro kun granda ŝtona balkono, tute verdigita de musko. Grimpkreskaĵoj eksteraj ĉarme enkadrigas tiun fenestron per verdaĵoj kaj floroj. La aspekto de la ĉambro kaj de la meblaro montras la grandan malriĉecon de la posedanto de l'kastelo. — Dekstre, uzebla ŝtuparo kondukas al plataĵo kun pordo. Sub tiu ŝtuparo tre malalta pordeto kaŝas la kelŝtuparon. — Je la sama flanko, antaŭe, pordo kondukanta al alia parto de l'kastelo. Maldekstre, antaŭe, pordo; malantaŭe, la muro duoncirkle eniĝas en la ĉambron: ĝi estas unu flanko de ekstera turo kaj enhavas unuan pordon protektatan de arĥitektura ornamaĵo, en kies ombron oni povas sin kaŝi, kaj, iom pli malantaŭe, alian pordon pli malgrandan. — Sur la scenejo, maldekstre tablo kun skribilaro, kaj kelkaj seĝetoj; dekstre apogseĝo. Tere, maldekstre, kelkaj gipsoruboj falintaj de la kaduka plafono.*

### SCENO Ia.

**Jakobo, Juliano, Petro, Nikolo.**

*Je la levo de l'kurteno, la servistoj kaj la servistino interrompis siajn laborojn kaj interparolas.*

JULIANO.

Dek-ok monatoj! De dek-ok monatoj
Ni ne ricevis nian pagon plu!
*Al Jakobo.*
Parolu, vi, al ili!

JAKOBO.

Vi min tedas!
Ĉar mi parolas iom elokvente,
Mi ĉiam devas riski!

NIKOLO.

Nu, el ĉiuj
Ni kvar, vi estas la plej lerta, do
Ni vin antaŭenpuŝas, kiam ni
Protesti devas!

JAKOBO.

Jes, vi tiom puŝas
Min, ke vi for de tie ĉi min puŝos!
Por ke mi ne plu sola do parolu,
Ni ĉiuj kune kriu!
*Olivero eniras maldekstre.*

PETRO, *avertante la ceterajn.*

Olivero!
*Ĉiuj ree eklaboras.*

### SCENO IIa.

**La samaj, Olivero.**

OLIVERO.

Vi ne laboras, al mi ŝajnas!
*Al Juliano.*
Kion
Vi faras tie?

JULIANO.

Mi prizorgis la
Azenon.

OLIVERO.

Jam ok tagojn ĉiuj ne
Pli multe faras!
*Al Nikolo.*
Vi, ĉu vi balais?

NIKOLO, *malbonhumore.*

Kontrolu mem.

OLIVERO.

Sed kio nun okazas?
Vi ja zumetas ĉiuj...

*Al Jakobo.*

La armajon ?

JAKOBO, *malĝentile.*

Mi trotas ĝin.

OLIVERO.

Hodiaŭ ĉio devas
Kun zorgo esti purigata. Tiu
Gipsaj', de kie ĝi devenas ?

JAKOBO.

De l'
Plafono.

OLIVERO,
*konsiderante la ruiniĝantan plafonarkaĵon.*

Mi rearanĝigos tiun
Angulon ; kiam sube pasos vi,
Rapide marŝu.

JAKOBO.

Ĉiuj muroj estas
Truitaj, de la kel' ĝis subtegmento ;
Ne estas plu kastelo...

OLIVERO.

Kio ?

JAKOBO.

Korbo !
Je ĉiu vento oni timas, ke
Ŝton' falos sur la kapon ; mort' ne estas
Pli dolĉa, kiam bela blazonŝildo
Per sia fal' ĝin kaŭzis ; ĉie estas
Anguloj, kiujn oni devas zorge
Eviti ; ĉie oni devas pasi
Rapide !

OLIVERO.

Rezonuloj ! Prizorgataj,
Nutrataj bone, kial plendi ?

JAKOBO.

Oni
Ne pagas nin !

NIKOLO.

Jen !

JULIANO *kaj* PETRO.

Jen !

OLIVERO.

Vi tamen scias,
Ke ĉie oni nun rifuzas pagi
Al ni imposton, kaj ke Lia Moŝto
Deziris ĉion provi por eviti
Severajn punojn. Kiel ofte li
Decidis sendi siajn pafarkistojn
Sed ilin tuj revokis, pro kompato
Al kamparanoj ! Sed sufiĉas nun :
La pafarkistoj...

JAKOBO.

Kie ili estas ?
Mi aŭdas ĉiutage la trumpeton
Sonantan por kunigo de soldatoj
Ne kuniĝantaj ! Ĉio tio ĉi
Timigas eble la eksterajn homojn,
Sed ne la ĉi tieajn ! La grifbirdoj
De la' Mautpré-oj perdis siajn ungojn,
Kaj vi nur havas plu en la kastelo
La paroleman, malkvietan, longan
Italon malĝentilan kaj malbelan,
La solan kavalerianon kaj
La solan infanteriiston, jen
Lanciston, jen ĉasiston, jen arkiston,
Jen patrolanon, jen... mi ne plu scias...
Laŭ vic' li estas ĉefkorpuso aŭ
La postgvardi', la helpantaro, eĉ
La ambulancistaro de l' grandega
Arme', pri kiu la najbaroj diras,
Ke ili ĉiam nur samtempe unu
Soldaton vidas !

OLIVERO, *maltrankvile.*

Vere, oni... ?

NIKOLO.

Jes.
Eĉ oni diras, ke l' soldat' vidata
La sama ĉiam estas.

OLIVERO.

Se Vulkano
Aperus sola, ili kurus for,
Kunikloj fanfaronaj !

NIKOLO.

Li ? Vulkano ?
La pulĉinel' ? la koko promenanta
Kun sia rostpikilo ? kiun iam
Irintan por impostojn enkasigi
Returnen oni pelis per maldolĉaj
Piedaj frapoj ?

OLIVERO.

Estu nur singarda,
Ke li ne pulvorigu vin, se li
Vin aŭdos !

JAKOBO.

Vi, vi timas lin, li vin
Teruras ! Kiel oni povas lian
Influon ja klarigi ?

OLIVERO.

Ĉar li estas
Mondfama militisto !

NIKOLO.

Certe, certe !
Li tion diris mem !

OLIVERO.

Sed, malsprituloj,
Ĉu do laŭ vi nenio estas liaj
Militrakontoj kaj la multaj liaj
Cikatroj ? Lin vidante, oni jam
Ektremas ; nia timigil' li estas !

JAKOBO.

Ne ! nia vera defendanto estas...

OLIVERO.

Nu, kiu ?

JAKOBO.

La dikeco de la pordo !

OLIVERO.

Silentu ! Ni nur havas unu viron,
Sed li valoras cent !

NIKOLO.

Cent ?... Kial ni
Lin devas akompani sur terasoj
Kaj ludi rolon de soldatoj, kun
Dumtage lancoj, nokte lumigiloj ?
Kaj kial, por ŝajnduobligi nin,
Ni devas porti po du halebardoj ?

JAKOBO.

Se li valoras cent bravulojn, kial
Kun li kvar malfortulojn ĉiam meti ?

OLIVERO, *embarasite.*

Por ke li estu.... centkvarope ! Sed
Sufiĉas ! La servistoj donas jen
Konsilojn kaj ordonojn ! Nova modo !
Vi havas samajn cerbojn kiel mi
Aŭ la Baron', sendube ? Mi, tro bona,
Kun vi diskutas... Diru, kie estas
Vulkano ? Sur la turo ?

JAKOBO.

En la kelo.

OLIVERO, *maltrankvile.*

Vulkano en la kel' ! Kaj kion tie
Li faras ?

JAKOBO.

Kion ? Drinki por forgesi
La monon, kiun oni al li ŝuldas,
Li diras.

OLIVERO, *time.*

Drinki ! Kiam li ebrias,
Amikoj, li frenezas, li batalas,
Li rompas ĉion ! Ni ne veku monstron !
Ne bruu !

JAKOBO, JULIANO, PETRO,NIKOLO,
*post interŝanĝo de kompreniĝa rigardo.*

Nian monon volas ni !

OLIVERO, *terurite.*

Fulmtondron vi elkatenigos ! Nu,
Ĉar vi insistas kaj obstinas, mi
Avertos la Baronan Moŝton tuj,
Ĉar monon, monon... monon mi ne havas !

*Li eliras dekstre.*

**SCENO IIIa.**

**Jakobo, Juliano, Petro, Nikolo.**

*Ĉiuj restas konfuzitaj pro tio, kion ili kuraĝis fari.*

PETRO, *emociite.*

La Moŝt' tuj venos...

JAKOBO, *same.*

Se li venos kun
Filino sia, tiel kompatema
Al malriĉuloj, tiel bona, ni
Denove fine cedos...

NIKOLO, *same.*

Tiel dolĉa
Ŝi estas, ke fariĝas preskaŭ ĝojo
Ŝin servi, eĉ senpage.

JULIANO.

Sed decidu
Ni ion, antaŭ kiam ili venos...

NIKOLO.

Jam mia buŝo estas sen salivo ...

PETRO, *al Jakobo.*

Parolu vi !

JAKOBO.

Por diri kion ?

*Olivero eniras dekstre.*

OLIVERO.

Pasu
Ĉi flanken ; baldaŭ mi revokos vin.

*Li puŝas ilin maldekstren. La Barono eniras dekstre.*

**SCENO IVa.**

**Olivero, la Barono.**

LA BARONO.

Ne, Olivero, tiu ĉi ribelo
Ne estos grava, se nur ne Vulkano
Vekiĝos en la kelo !

OLIVERO, *apud la pordo de la kelo.*

Kiam ni
Eksigos lin ?

LA BARONO.

Nu, kiom ŝuldas ni ?

OLIVERO.

Dek-ok monatojn al la geservistoj.

LA BARONO.

Kaj al Vulkano ?

OLIVERO.

Kvar.

LA BARONO.

Do dudek-du.
Kaj kiom ni posedas proksimume ?

OLIVERO.

Nenion.

LA BARONO.

Ni resumu. Unuflanke
La ebriulo, kaj aliaflanke
La geservistoj... Por ke le silentigu
Li ilin...

OLIVERO.

Jes...

LA BARONO.

. .ni devus pagi lin.
Sed ni ne havas monon. Se ni povus
La geservistojn pagi, ankaŭ povus
Ni preni parton de ĉi tiu mono
Por doni al Vulkan'. Sed ankaŭ tio
Ne estas ebla. La problem' ne estas
Solvebla...

OLIVERO.

Nu ?

LA BARONO.

Mi do ne solvos ĝin.

OLIVERO.

Vulkano dormas, sed al la ceteraj
Ni devas doni..

LA BARONO.

Paroladon ili
Ricevos! Kiel al hundeto oni
Parolon donas, kiam oni ne
Sukeron havas, mi tuj pagos ilin
Per rakonteto.; mi ne donos monon,
Sed ili povos flari la odoron
De mono. Ili venu.

OLIVERO, *apud la maldekstra pordo.*

Venu!

**SCENO Va.**

**La samaj, Jakobo, Juliano, Petro, Nikolo.**

LA BARONO.

Nu,
Amikoj, proksimiĝu. El vi, unu
Klarigu siajn plendojn. Kio estas?

JULIANO, *ĝenite, sin kaŝante malantaŭ Nikolon.*

Nenio...

NIKOLO, *ankaŭ embarasite.*

Ho, ne multe... Ni...ni nur
Dezirus scii, ĉu... okaze... ni
Ricevos nian pagon... nun ne, sed
Post kelka temp'...

LA BARONO, *al Olivero.*

Ni devas pagi, certe,
*Al la geservistoj.*
Ni ŝuldas...?

NIKOLO, *time.*

Heŭ... dek - ok monatojn...

LA BARONO.

Kiel
La temp' forflugas!

JAKOBO.

Oni pagis nin
La antaŭlastan vintron....

LA BARONO.

Ho, mi estus
Vetinta, ke okazis pag' hieraŭ!
Mi tre volonte kontentigus vin, sed
Ĉar oni ne plu pagas la impostojn
Nek la farmpagojn, al mi mankas nun
La... monrimedoj. Sed mi scias, ke
Prapatro mia (Dio havu lian
Animon!) iam, por eviti ŝtelon
De l'oro de l' baronoj de Mautpré,
Ĝin kaŝis, dum la jaro mil kaj kvarcent
Sub ter' en iu kamp'. Nun oni serĉas
Ĝin en bienoj miaj, kiujn iam
La Angloj okupadis. Kaj de tiam
Ni estas iom... Baldaŭ do ni estos
Denove riĉaj.

NIKOLO, *timetante.*

Kion vi atendas?

LA BARONO, *iom embarasite.*

Atendas mi... senlunan nokton... Tiam
Je noktomez', kapristo tre maljuna
— Sorĉist', laŭfame — per avelbastono
Desegnos grandan cirklon sur la tero...
Trifoje li kabalan vorton diros
Kaj oni flaros tuj odoren brulan,
Dum li, montrante punkton, diros: « Jen! »
Antaŭenkuras niaj viroj! Ĉe
La lum' de torĉo ili fosas! Vidu,
La truo plilarĝiĝas! La laboro
Malfacilega estas, ĉar radikoj
Ĉirkaŭas ĉiuflanke la trezoron...
Atendas oni... Ili fosas. Jen
Subite oni aŭdas metalsonon,
Kaj kuprangul' aperas ĉe l' torĉlumo!
Nenia dubo plu! Jen estas ĝi,
La kofr' enterigita de l' prapatro!
Jen la grifbirdoj gravuritaj sur la
Kovrilo, kiun oni levas... Plena
De or' la kofro estas, de fandaĵoj
Dormintaj de jarcentoj en la tero!...
Ni havas la trezoron... aŭ almenaŭ
Ni havos ĝin... Vi havos vian parton...
Atendu... ĝi alvenos. Do... mi diris.

*Li iras dekstren; la geservistoj interŝanĝas rigardojn kaj kelkajn mallaŭtajn vortojn.*

JAKOBO, *kunigante tutan sian kuraĝon.*

Ĝis tiam tamen...

LA BARONO, *malŝate.*

Kio! Protestanto?

JAKOBO, *ĝenate.*

Mi diras, mi...

LA BARONO.

Vi diras...?

JAKOBO, *konfuzite.*

Heŭ... Mi diras:
La Moŝto vivu!

LA BARONO, *irante dekstren.*

Oliver', vi vidas:
Dum kelka tempo ili nun silentos.
*Oni aŭdas bruegon.*
Sed kie oni bruas?

JAKOBO.

En la kelo...

OLIVERO, *aŭskultante apud la kelpordo.*

Malsupre de l'ŝtupar' mi aŭdas ion...
*Oni aŭdas bruon de rompataj vitraĵoj kaj blas femojn.*

LA BARONO.

Ĉu oni rompas ion aŭ batalas?

OLIVERO, *terurite.*

Ve, Moŝto, ne! Vulkano jen vekiĝas!
*Ĉiuj rigardas time la kelpordon, kiu subite estas ĉise frakasata. Vulkano falas teren, ebria, kovrita de gipso.*

**SCENO VIa.**

**La samaj, Vulkano.**

LA BARONO.

Ĉu io... ?

VULKANO, *stariĝinte, tragike.*

Tie jus mi preskaŭ mortis.

LA BARONO.

Ni tremos poste, sed rakontu tuj.

VULKANO.

Mi faris heroajon tian, ke
La heroajoj de Herkulo nun
Plu estas infanajoj ! En la kelo
Dorminte, mi stariĝas... malamiko
Fantoma min antaŭenpuŝas Mi
Lin kontraŭstaras... Li insistas kaj
Mi falas ; mi kolonon ĉirkaŭprenas...
Ĝi falas ankaŭ... Kiam mi decidos
Vin puni, mi Samsono estos de l'
Kastel' ruiniĝanta ! Kiam mi
Koleros fine, ĉar vi ne min pagas...

LA BARONO.

Ne tiel kriu, la tegment' ne estas
Fortika.

VULKANO, *kolere.*

Kial, kiam mi deziras
Laŭtege krii, mi mallaŭte devus
Paroli ?

OLIVERO, *mallaŭte, al la Barono.*

Moŝto, li ebria estas,
Atentu !

VULKANO, *kolere.*

Mian forton, miajn laŭrojn
Al vi mi vendas : mi akceptas monon...

OLIVERO, *mallaŭte, al la Barono.*

Okulojn liajn vidu !

VULKANO.

Sed mi ĉefe
Soifas !

LA BARONO.

Ĉu ankoraŭ vi soifas ?

VULKANO.

Ŝatmontrojn mi soifas. Vi ja devus
Feliĉaj, eĉ ĝenitaj esti, ĉar
Servisto tia vin akceptis servi.
Ordonoj viaj estas nur por mi
Petegoj, kiujn mi bonvolas jesi ;
Kaj viajn movojn de malbonhumoro
Aŭ de koler' mi ne akceptas, sed
Toleras... Sed sufiĉas ! Mian monon !
Se ne, al vi mi montros...

*Li eligas sian spadon el la spadingo.*

OLIVERO, *maltrankvile, al la Barono.*

Timu lin,
Sinjoro, kiam drinkis li !

*Serĉinte en sia monujo.*

Feliĉe
Mi trovas jen sufiĉan monon por
Lin silentigi.

LA BARONO.

Faru.

VULKANO, *al la servistoj, kiuj mallaŭte interparolis kun li.*

Ĉiuj vi
Pagataj estos.

*Al la Barono.*

Mi parolas en
Ilia nom'.

OLIVERO, *antaŭenirante.*

Sinjor', mi estas...

VULKANO, *kolere.*

Kio ?

OLIVERO.

Komisiita por...

VULKANO, *minace.*

Silentu !

OLIVERO, *donante monon al li.*

Mi
Alportas la ŝuldaton monon... prenu !

VULKANO, *surprizite, poste ridetante.*

La monon... ? Jes, «per Bacco», jen la sumo !

OLIVERO.

Pardonu, ke malfrue iomete...

JAKOBO, *mallaŭte, al la ceteraj geservistoj.*

Vi vidas, ili timas !

JAKOBO, JULIANO, PETRO, NIKOLO, *minace trante al la Barono.*

Nian monon !

VULKANO, *terure intermetiĝante, levante sian spadon.*

Rabistoj ! Kuru for, se ne, mi vin
Frakasas !

*Ĉiuj geservistoj, teruritaj, kuras al la fundo de la ĉambro.*

NIKOLO, *preskaŭ senvoĉe pro timo.*

Sed... sed *nian* monon, kiam... ?

VULKANO.

La buŝon fermu ! Ĉirkaŭmetu viajn
Kirasojn kaj surmetu viajn kaskojn,
Aĉuloj !

*Al la Barono, dum la geservistoj, en la fundo, rapide ĉirkaŭmetas la kirasojn.*

Vi komprenas, ke mi cedis,
Ne pro la mono, sed pro la ŝatmontro !

*Vulkano prenas brakplenon da halebardoj, kaj antaŭ ol armi per ili la geservistojn, haltas sur la antaŭscenejo.*

Mi kontraŭstaris febrojn, herezulojn,
Malsaton... por fariĝi fine estro
De regimento da leporoj !

*Li iras al la fundo kaj disdonas al la geservistoj po du halebardoj.*

Prenu
La halebardojn, vi malbeninduloj !

PETRO.

Ho, kial, Di' ?

VULKANO.

Silenton en la vicoj !

*Li surmetas kaskon sur la kapon de la terurita Nikolo, kaj per signo de sia spado ordonas al la geservistoj turni sin kontraŭ la ŝtuparo. Juliano faras la novon en mala senco : tio kaŭzas grandan konsternon.*

JAKOBO.

Soldatoj ni ne estas...

VULKANO.

La armeo
Silentu ! Faru kun mi la rondiron.

*Li supreniras la ŝtuparon kun siaj mokindaj kunuloj kaj ĥaltas sur la plataĵo, por ke ili eliru antaŭ li.*

Mi sola kontraŭstaros la danĝerojn.
Timindaj estu vi... de malproksime !
Nikol', ĉu vi komprenas ?

NIKOLO.

Kiel mi
Utilos ? Jam vidante mian ombron
Mi tremas !

VULKANO.

Pligrandigos vi la nombron !

*Li eliras malantaŭ Nikolo.*

**SCENO VIIa.**

**Olivero, La Barono, *poste* Solanĝo.**

OLIVERO, *sopirante pro trankviliĝo.*

Uf !

LA BARONO.

Ĉar do nepre ni bezonas monon,
Mi forhakigos kelkajn arbojn morgaŭ.

SOLANĜO, *enirante dekstre.*

Ho, kompatindaj arboj !

LA BARONO.

Nu, Solanĝo ?

SOLANĜO.

Mi pensis, ke disput' okazas ?

LA BARONO, *indiferente.*

Mi
Riproĉojn faris al Vulkano, la
Servisto ! Mi foriras, ĉar mi devas
La planon ekzameni de la niaj
Bienoj, por decidi la arbhakon.

*Li iras dekstren.*

SOLANĜO, *post mallonga ŝanceliĝo.*

Ĉu, patro...

LA BARONO.

Kio ?

SOLANĜO, *embarasite.*

Ĝi ne estas grava,
Sed mi de vi dezirus ion peti...

LA BARONO.

Nu ?

SOLANĜO.

Mi.. mi ne kuraĝas...

LA BARONO, *maltrankvile.*

Ĉu ĝi estas
Tre multekosta ?

OLIVERO, *aparte.*

Ho, malfeliĉulo !
Ĝi kostos ĉiam tro !

SOLANĜO.

Mi petas nur
Sciigon...

*La Barono trankviliĝite respiras.*

... pri invito, kiun oni
Hieraŭ portis tien ĉi : la Duko,
Najbaro nia, petis, ke ni ambaŭ
Al lia fest' — turnir', mi pensas — iru.
Rapsodoj kantos, oni diras, kaj
Sorĉist' vipurojn sorĉos. Jen spektaklo
Malofta, kaj al ni proksima... Kion
Respondis vi ?

LA BARONO, *priokupate.*

Ke ni ne iros.

SOLANĜO, *surprizate.*

Kiel ?
Ni estas invititaj ĉe la feston
Kaj ne akceptas ! Tio estas ne
Ĝentila !

LA BARONO.

Vi tro juna estas.

SOLANĜO.

Mi,
Tro juna, paĉjo, kaj mi deksepjara
Jam estas ! Jen okaz' unika en
La vivo !

OLIVERO, *aparte.*

Kiom ŝi deziris iri,
La kompatindulino !

LA BARONO.

Kaj, cetere,
Ni devus havi vestojn kaj juvelojn
Porfestajn.

SOLANĜO.

Ni aĉeti povas ilin...

OLIVERO, *aparte.*

Naiva junulino !

LA BARONO, *kun afektita severeco.*

Mi ne volas !...
Kaj jen, mi pensas, jam motiv' sufiĉa.

*Li interŝanĝas ĉagrenan rigardon kun Olivero kaj eliras dekstre.*

**SCENO VIIIa.**

**Olivero, Solanĝo.**

SOLANĜO, *enpensiĝinte.*

Serĉante ambaŭ zorge, Olivero,
Ni eble trovos, kial mia patro
Malbona volas ŝajni.

OLIVERO.

Kion vi
Imagas ?

SOLANĜO.

Malgraŭ la ĉagreno mia
Li ja rifuzas iri al la festo.

OLIVERO, *embarasite.*

Vi estas tiel juna... vestojn simplajn...

SOLANĜO, *revante.*

Rigardo lia jesis, buŝo neis.
Li, kiu amas min kaj kiu sciis,
Ke mi deziras tiom iri tien,
Li certe estis nepre devigita
Por tamen malakcepti !

OLIVERO.

Tute ne !
Nenio lin devigis ! Imagajoj !

SOLANĜO.

Li estis devigita ! Jes ! Vi ankaŭ,
La dua mia paĉjo, tuj mensogos !
Tremante, ĉar vi vidas min malgaja,
Vi tuj mensogos...

OLIVERO

Mi ?

SOLANĜO.

Jam via nazo
Moviĝas ! De post mort' de mia kara
Patrin', ĉu vi ne iomete mia
Patrin' fariĝis, Olivero ? Kiu
De tiam de l' patrino dorlotanta
Anstataŭanto estis ? Kiu min
Instruis paŝi, diru, mian manon
Tenante ? Kiu miajn piedetojn
Varmigis ? Kiu kuris kvarpiede
Por min amuzi ? Kiu metis belajn
Rubandojn en hararon mian ?
Kaj kiu en ĉi tiu malĝojiga
Kastel' kunulo mia sola estis
Forgesiganta min, ke estas mi
Ĉi tie mallibera ?

OLIVERO.

Mallibera ?

SOLANĜO.

Ĉu kredas vi, ke mia cerbo ne
Pli saĝa estas ĉiujare ? Mi
Grandiĝas, Oliver' ! Vekiĝu ! Vi
Ja dormas jam de jaroj ! Mia cerbo
Rezonas, pensas...

OLIVERO, *mirante.*

Kion jen vi diras ?

SOLANĜO.

Horloĝo via haltas ! Junulino
Rigardas, vidas kaj observas ! Oni
La veron al ŝi ŝuldas... Mia patro,
Se mi pri tio alparolus lin,
Min eble mokus ! Oliver', aŭskultu
Min pacience nun ; animo mia
Grandiĝis ankaŭ...,

OLIVERO, *surprizite.*

Ho, jen parolado !

SOLANĜO.

Mi pensis multe jam de kelkaj tagoj ;
Animo mia nun..

OLIVERO, *amuzite, aparte.*

Animo ŝia !
Animo...!

SOLANĜO

...tremas, kiel vekiĝanta
Arbar' ! Ĉu vi memoras, ke vi ofte,
Kun mi, aŭskultis en arbar' zumadon,
De mil zumetoj la kuniĝon ? Strangan
La harmonion, kies kaŭzojn ni
Ne konis ? Tiujn ĝemojn, tiujn kriojn
Kaj tiujn longajn bruetadojn ? Tiujn
Silentojn mortajn inter du kraketoj ?
Tremetoj eble kaŭzis la misteran
Koncerton, birdforflugoj, musoskrapoj,
Ektuŝo de arbetoj, kanto de
La riveretoj... Ĉiujn koncertantojn
De l'granda muzikaĵo ni divenis !..
Mi aŭdas same sentojn parolantajn
En mi, sed ne kapablas analizi...
Vi miajn vortojn eble ne komprenas,
Sed mian penson via kor' divenas !

OLIVERO,

*kun emocio ŝin premante sur sian koron.*

Solanĝo, ho infano ! Estas vere,
Amik' maljuna ĉe lulilo via
Ekdormis ; vekis lin nenio, eĉ
Ne via pup' el via brak' falinta !
Ho, malspritul', dormema ĝardenisto
Ne prizorginta la kreskaĵon dum
Floriĝ' ! Blindulo ! la floreto blanka,
Vin vokis, por ke vi admiru ĝin !

SOLANĜO.

Mi timis, ke vi mokos min...

OLIVERO.

Mi pentas
La dormon de kor' mia ; via panjo
Riproĉas min, mi aŭdas ŝian voĉon...
Fiere, klere, filozofis mi ;
La universon mi komprenis, sed
Mi ne komprenis koron de infano !
Obstine mi la stelojn rigardadi-,
Dumnokte mi de l' grandaj malbonaĵoj
La kaŭzojn zorge serĉis... kaj dumtempe
Mi estus ja povinta en la bela
Rigardo via trovi la sekreton
De l' feliĉeco !

SOLANĜO.

Vi ne estas kulpa !
Ĉe granda fajro oni vidas ne
Lampiron en herbejo, kaj serĉante
Ĉi supre la kielojn, la kialojn,
Vi min ne vidis, ĉar mi estis tro
Proksima !

OLIVERO.

Interkonatiĝu ni
Denove ! La perditan tempon ka
Feliĉon nun al mi redonu !

SOLANĜO.

Bone !...
Sed nun al vi mi faros mil demandojn
Je ĉiu tag' !

OLIVERO.

Demandu.

SOLANĜO, *post ŝanceliĝo.*

Kial paĉjo
Ĵus devis al si mem rifuzi la
Feliĉon vidi mian ĝojon ? Lin
Doloris lia propra krueleco...
Sed kial li sin punas mem ?

OLIVERO, *embarasite.*

Solanĝo...

SOLANĜO.

Kaj kial ĉiam hejme restas li ?

OLIVERO, *same.*

De post la mort' de via panjo..,

SOLANĜO.

Ne !

OLIVERO.

Li ŝatas la solecon ; oni devas
Ĉe festoj brili,.. kaj, cetere, li
Ne scias danci !

SOLANĜO.

Vi min trompas jam !
Respondu : eble riproĉindan agon
Li faris...?

OLIVERO, *vivece.*

Ne, ja oni lin invitas.

SOLANĜO, *timpremite.*

Ĉu li... perfidis ?

OLIVERO.

Kio ! Honorinda
Li estas nepre.
*Post ŝanceliĝo, gravtone.*
Via patro estas
Neriĉa, jen.

SOLANĜO, *surprizite.*

Neriĉa ?

OLIVERO.

Jes. Militoj,
Procentegistoj, malfeliĉoj, liajn
Bienojn tre malpligrandigis. Nun ni
Vivetas ! Kaj, se via patro irus
Al festoj de aliaj, li ja devus
Inviti ankaŭ : tial li rifuzis.

SOLANĜO, *enpensiĝinte.*

Do jen la kaŭzo...

OLIVERO, *konfidencie.*

Por ke oni ne
Divenu la sekreton de Mautpré
Dum tridek jaroj li portadis maskon
Kaj kaŝis kvazaŭ ian riproĉindan
Malsanon sian nericeĉon sub
La faldoj de mantel' de fiereco.

SOLANĜO.

Do... mi ? La plezurajoj, belaj vestoj ?

OLIVERO.

Esperu ! Baldaŭ bona temp' revenos
Dank'al projekto certe sukcesonta...
*Aparte.*
Ja estus peko ne mensogi.
*Laŭte.*
Sed
Nenion diru al la patro !

SOLANĜO,

Oni
Je mia aĝ' konservas bone la
Sekretojn !

OLIVERO, *vidante la Baronon, kiu eniras.*

Ŝt !

SOLANĜO, *aparte, emociite.*

Ho, kompatinda paĉjo !

**SCENO IXa.**

**La samaj, la Barono.**

LA BARONO, *tenante planon.*

Jen per cirkletoj mi sur plano montris
La forhakotajn arbojn.
*Ekvidante Solanĝon.*
Vi ankoraŭ
Ĉi tie ?

SOLANĜO.

Olivero min riproĉas
De post foriro via.
*Prezentante al li sian frunton.*
Mi malpravis.

LA BARONO, *ame ŝin kisante.*

Negrave.
*Al Olivero, montrante al li la planon.*
Monon tio ĉi havigos
Al ni...
*Vivece.*
Ni tute ne bezonas ĝin,
Sed tiel ni pli malproksimen vidos.
*Al Olivero.*
Ni interparoladu....
*Al Solanĝo.*
Vi foriru.

SOLANĜO, *kun beleta reverenco.*

Tre bone, estas temp' por nutri mian
Kolombon !

**SCENO Xa.**

**Olivero, la Barono,** *poste* **Vulkano,** *poste* **Jakobo.**

LA BARONO, *montrante sur la plano.*

De Coulange ĝis Méryl,
Dek-du... Malgrandaj estas la abioj,
Sed belaj la betuloj... De Méryl
Ĝis Val...

VULKANO, *enkurante maldekstre.*

Alarmo ! Proksimiĝas al
La pordo tri rajdantoj sur azenoj !

LA BARONO.

Denove vidvolantoj, eble eĉ
Spionoj!

VULKANO.

Miaj viroj ilin nun
Observas, sed ne timu; eĉ se ili
La plej timindaj mortigistoj estus...

JAKOBO, *enirante.*

Sinjor', jen estas tri vendistoj, kiuj
Deziras al vi montri aron da
Objektoj.

VULKANO.

Ha, feliĉe! Mi ja ĉiujn
Per unu bat' de mia spado estus...
*Aparte.*
Mi vidis jam, ke ili estas sen
Armiloj.

LA BARONO, *al Jakobo.*

Enirigu ilin.
*Al Vulkano, donante al li paperon, sur kiun Olivero skribis ion.*
Tion
Al la vilaĝo portu.
*Vulkano eliras, dum Jakobo enirigas la tri vendistojn, kiuj portas pakaĵojn.*

**SCENO XIa.**

**Olivero, la Barono, la Vendisto, Roberto** *kaj* **Renato**, *vestitaj kiel helpistoj de l' vendisto,* **Jakobo.**

LA VENDISTO, *ĝentilaĉe, kun multaj salutoj.*

Di' vin gardu,
Sinjor'!

LA BARONO.

Mi konas tiun ĉi vizaĝon.

LA VENDISTO, *konigante sin.*

Vendisto Borome'...

LA BARONO, *montrante liajn du helpistojn.*

Kaj tiuj viroj?

LA VENDISTO, *iom ĝenite.*

Helpistoj miaj, Moŝto.

LA BARONO, *montrante el Olivero ambaŭ helpistojn, kiuj vidvole ĉion rigardas ĉirkaŭ si.*

Vidu, kiel
Rigardas ili ĉion tie ĉi.
*Malafable, al la helpistoj.*
Rigardu la frapilon de la pordo!

LA VENDISTO.

Sed, Via Moŝto...

OLIVERO, *al la helpistoj.*

Nu, eliru!
*Ambaŭ helpistoj, post kontraŭstara moveto, eliras.*

LA BARONO, *al la vendisto.*

Kaj kion vi alportis?

LA VENDISTO.

Antikvajojn.

LA BARONO.

Ha, jes! Vi al mi diris, ke ekzistas
Personoj, kiuj ŝatas la ferajojn
Antikvajn kaj la meblojn de l'iamaj
Jarcentoj.

LA VENDISTO, *rimarkante la kaduŝecon de la ĉambro.*

Viaj instalajoj ne
Ankoraŭ estaj tutaj?

LA BARONO, *iom embarasite.*

Eble ne...

LA VENDISTO, *malfermante unu el siaj pakaĵoj.*

Mi vendas ankaŭ novajn komercaĵojn;
Veluron Venezian kaj silkaĵojn,
Tapiŝojn, ŝtofojn; tuj mi montros...

LA BARONO, *afektante indiferentan mienon.*

Ne,
Mi dankas...

LA VENDISTO, *aparte.*

Mi komprenis...
*Laŭte.*
Eble vi
Preferas ion vendi....

LA BARONO, *vivece, post intersanĝo de rigardo kun Olivero.*

Jes! Mi havas
Kestŝrankojn senutilajn...

OLIVERO.

Ili eĉ
Altiras ratojn en la kelojn...

LA BARONO.

Kaj,
Cetere, mi ne ŝatas gotikaĵojn;
Mi ŝatas multe pli, modernan stilon.

LA VENDISTO.

Kaj kie ili estas?

LA BARONO.

En la parto
Malsupra de l'kastelo.

LA VENDISTO.

Ĉu mi povas
Rigardi?

OLIVERO, *vivece al la Barono, mallaŭte.*

Moŝt', antaŭe oni ilin
Purigu, ili estas tutkovritaj
De polvo; li neniam ilin volus.

LA BARONO, *al la vendisto.*

Ni ilin tuj pretigos kaj vin vokos.
*Li eliras dekstre; lin sekvas Olivero. Tuj kiam ili eliris, la vendisto malfermas la pordon, kaj Roberto kaj Renato singarde eniras.*

**SCENO XIIa.**

**La Vendisto, Renato, Roberto.**

RENATO.

Unuafoje iu Chancenac
Akceptis esti forpelata!

LA VENDISTO, *time.*

Moŝto,
Parolu malpli laŭte !

ROBERTO.

Kial ankaŭ
Alivestite tiun ĉi kastelon
Eniri !

LA VENDISTO,
*time, dum la junuloj trairas la ĉambron.*

Oni min pendigus, ve !
Mi tremas ! Mi nur estas komercisto ;
Ili petis, ke mi enirigu vin
Ĉi tien, kvazaŭ miajn oficistojn,
Sed ne min pereigu !

RENATO, *ekzamenante la ĉambron.*

Ne tre luksa
Aspektas la kastel' ; ni estis pravaj :
La originaleco de l' Barono
Nur estas neriĉeco !

LA VENDISTO.

Malpli laŭte !
Jen io, kiun oni nomas...

ROBERTO, *finante lian frazon.*

...veto.
La Graf' pretendis, ke la sprito estas
Pli grava ol beleco, ke virina
Animo pli volonte al la sprito
Sin donas, ol al belaj trajtoj.

RENATO.

Certe !
*Al la vendisto.*
Por amturnir', ĉu ne, jen bela temo ?

LA VENDISTO.

Jes, Moŝto... sed malklara por vendisto !

RENATO.

Ĝi estas simpla, kaj vi tuj komprenos.
Por solvi la demandon, ni ja devas
Animon virgan trovi de naiva
Knabin' nenion pri la am' scianta.
Nu, ni tre bone konas la virinojn
De l' ĉirkaŭaj' : je dek-ses jaroj jam
Ilia kor' ne plu sincera estas.
Unua amas pro fieregaĉo
Belulon, kaj pro afektec', alia
Spritulon amas.... Kien do sin turni
Por scii, kiu pravas,
*Sin mem montrante.*
ĉu la sprito....

ROBERTO, *salutante.*

Ĉu la belec' ?

LA VENDISTO.

Jes, kien turni sin ?

RENATO.

Barono de Mautpré ĉi tie kaŝas
For de la mondo belan junulinon ;
La ĉarmulin' neniun konas ; jen
La ideala arbitrino !

ROBERTO.

Por
Al ŝi alproksimiĝi ni nun devas
Per ia ruz' delogi Oliveron....

LA VENDISTO. *terurite.*

Sinjoroj, oni paŝas !

ROBERTO.

Kion ni
Pretekstos ?

ROBERTO,
*elirante en la fundo, sekvate de Roberto.*

Venu, kune serĉos ni !
*Ili malaperas.*

**SCENO XIIa.**

**La Barono, Olivero, la Vendisto, Jakobo.**

LA BARONO, *enirante kun Olivero kaj Jakobo.*

Ni trovis kelke da feraĵoj belaj ;
Ĉi tien venu...

LA VENDISTO, *lin sekvante dekstren.*

Kaj ĉu vi ne havas
Armaĵojn ?

LA BARONO, *fiere.*

Jes, mi havas mian propran
Armaĵon, la kirason kaj la kaskon.

LA VENDISTO.

Nu, bone !

LA BARONO, *post signo al Olivero.*

Sed ĝi estas altvalora,
Ĝi savis mian vivon en Pavio
En mil kaj kvincent dudek-kvin ! Terure !
Ho, kiaj batoj ! Tiun tagon ni
Herooj estis ! La postsignoj estas
Ankoraŭ nun videblaj sur la fero...
Alportu tien ĉi armaĵon mian !
*Jakobo eliras por preni la armaĵon.*
Je ĉiu bato, mia spad' mortigis
Hispanon, kaj la reĝo-kavaliro
Ravite alridetis min...

JAKOBO, *kiu eniras, alportante la armaĵon.*

Ĝi estas
En bona stato : oni uzis ĝin
Neniam.

LA VENDISTO.

Hm !

LA BARONO, *al Jakobo.*

Azeno ! Malspritulo !
*Al la vendisto.*
Li ne la historion scias, lin
Pardonu ! La postsignoj de la batoj
Sur fer' videblaj estis, sed multkoste
Mi riparigis ĝin.

LA VENDISTO, *ekzameninte la armaĵon.*

Sed ĉe la dorso
Vundeto restas ..

LA BARONO, *vivece.*

Ĉe la dorso ?

LA VENDISTO, *iom moke.*

Ĉe

La dorso!

LA BARONO, *malŝate.*

Estas por pendigi ĝin!

LA VENDISTO.

Kaj kiom vi postulas?

LA BARONO.

Nepagebla

Ĝi estas! Kun la reĝo oni min
Ŝen ĝi kaptinta estus!

LA VENDISTO.

Kiom, diru?

LA BARONO.

Homer', respondu! Virgilio, diru
Valoron de la ŝildo de Aĥilo!

LA VENDISTO.

Ĉu cent parisiafuntoj ne sufiĉus?

LA BARONO.

Senrespektul', ĉu vi prezentus tiel
Malmulte por kiraso de Rolando?

LA VENDISTO.

Cent dek? Cent dudek... tridek... kvindek?

LA BARONO.

Vi

Senhonte primarĉandas miajn laŭrojn!

LA VENDISTO.

Laŭpeze oni vendas nun la laŭrojn!
La glor' senpaga estas! Mi aĉetas
La feron, la posteularo vin
Per senmorteco rekompencos!

LA BARONO.

Do

Ne plu ekzistas amatoroj de
Restaĵoj sanktaj?

LA VENDISTO.

Ve, ekzistas tro

Da falsaj! Eĉ mi konas fabrikistojn
De eroj de la vazo de Soissons
Kaj de Rolandaj Durandaloj!

LA BARONO.

Tamen

Jen unikaĵo!... Tricent funtoj?

LA VENDISTO, *volante foriri.*

Moŝto,

Vi mokas min!

OLIVERO, *mallaŭte, al la Barono.*

Atentu, li foriras!

LA BARONO, *al la vendisto.*

Obstini povus mi....

LA VENDISTO.

Vi tion rajtus.

LA BARONO.

Sed la kiras' fariĝis tro mallarĝa
Por mi; por ducent funtoj mi al vi
Ĝin donos. Jen donaco! Danku Dion,
Ĉar mi dikiĝis!

OLIVERO.

Do, interkonsento?

LA VENDISTO, *pagante la sumon.*

Nu... jen la mono!

LA BARONO, *irante dekstren.*

Nun mi montros kofron

Faritan por enŝlosi oran monon.

LA VENDISTO, *sekvante lin.*

Kaj vi enŝlosas nun en ĝi..?

LA BARONO, *antaŭ ol eliri.*

Avenon.

*Li eliras kun la vendisto. Olivero restas kaj kontrolas la monerojn, kiujn li ricevis. Renato kaj Roberto aperas senbrue.*

**SCENO XIVa.**

**Renato, Roberto, Olivero.**

OLIVERO, *ekzamenante la monerojn.*

Mi ne tre fidas lin...

ROBERTO, *mallaŭte, al Renato.*

Ĉar estas li

Sentema, ni la koron celu.

*Ambaŭ antaŭeniras.*

RENATO.

He,

Sinjoro!

OLIVERO, *sin turnante, surprizite.*

La servistoj?

ROBERTO, *duonvoĉe, konfidencie.*

Ili sin

Prezentas.

*Montrante Renaton.*

Graf' Renat' de Chancenac...

*Prezentante sin mem.*

Mi, Kavalir' Roberto de Belfonte...
Najbaroj viaj, kara kuracisto,
Venintaj tien ĉi kun bona celo.

OLIVERO, *mirante.*

Belfonte? Chancenac? Vi mokas min!

ROBERTO, *montrante al li sian ringon.*

Sur mia ringo, mia insignaro...

RENATO, *montrante malgrandan ponardon.*

Jen sur ponard' bazono mia...

OLIVERO, *konfuzite.*

Sed

Jen estas perfidaĵo!

ROBERTO, *konfidencie.*

Kiam vi

Ekscios, kial ni nin alivestis,
Vi nin pardonos.

OLIVERO.

Kial vi... ?

RENATO.

Ni amas.

OLIVERO.

Vi amas!

ROBERTO.

La filinon de l' Barono.
Preterpasante antaŭ kelkaj tagoj
Ni vidis ŝin.

RENATO.

Belec', dolĉeco ŝiaj
Profunde nin impresis, kaj de tiam
Pri ŝi ni sonĝas!

ROBERTO.

Sed ne eble estis
Revidi ŝin: en tiun ĉi kastelon
Neniu ja eniri povas! Tamen,
Ĉar ŝi nobela estas, kial ne
Ŝin ami? Niaj sentoj estas puraj!...
Kaj tial ruzis ni... Kaj jen ni estas!

RENATO, *aparte.*

Ne tre honesta estas nia ago!

OLIVERO, *kiu aŭskultis kun kreskanta emocio.*

Ĉu ne, ŝi estas bela? Iom mia
Filin' ŝi estas, ĉar sindon' longtempa
Familiano kvazaŭ faris min.
Vi diris do... Jes, iam edzinigos
Ni ŝin!... Komprenu mian ŝanceliĝon:
Mi estas perfidul', ĉar la sekreton
De mia mastro lasas mi diveni,
Sed, aliflanke, ĉu ne devas mi
Kun ĝoj' la eblon de feliĉaj tagoj
Por ŝi akcepti? Mi pro li koleras,
Sed vin pro ŝi pardonas!

ROBERTO.

Nu, vi devus
Rimedon trovi por nin tie ĉi
Loĝigi...

RENATO.

Por elekti inter ni
Ŝi devas koni nin.

OLIVERO, *ŝanceliĝante.*

Krom la servistoj
Neniu tien ĉi penetras! Kaj
Se mia mastr' ekkonus mian rolon,
Ho, mi ne scias, kion farus li!

ROBERTO.

Se vi ideon trovos, nin avertu.

OLIVERO.

Vin kaŝu, oni venas!

RENATO.

Nu, rapide!

*Ili malaperas maldekstre.*

SCENO XVa.

**Olivero, la Barono, la Vendisto, Jakobo,** *poste* **Renato** *kaj* **Roberto.**

LA BARONO, *transirante la scenejon, kun la vendisto, kiu estas ŝarĝita per ĉi-tiaj objektoj: malnovaj ferajoj, ŝtofoj, k. t. p.*

Min sekvu tien. La ferajoj de l'
Pordeto datumiĝas de l' epoko
De Ludoviko la Dekdua.

LA VENDISTO.

Estas
Tro nova tio!

*Ili eliras maldekstre malantaŭe.*

OLIVERO, *antaŭ ol ilin sekvi, priokupate.*

Bonan, akcepteblan
Rimedon por loĝigi tie ĉi
La du junulojn...

*Li eliras kaj ambaŭ junuloj tuj reaperas.*

ROBERTO.

Mi sufiĉe jam
Atendis ĉe la pordo!

RENATO.

La danĝero
Forestas, mi revenas! Kio ree?

*Por ke Solanĝo, kiu eniras, ne vidu ilin, ili rapide sin kaŝas malantaŭ la arĥitekturan ornamajon de la pordo.*

SCENO XVIa.

**Renato, Roberto, Solanĝo.**

SOLANĜO, *portante liŏron kaj kaĝon, en kiu ŝia kolombo estas enfermita.*

Ĉe l'ombron de rozujo ĉiutage
Salikan vian kaĝon mi pendigas,
Kaj malgraŭ miaj zorgoj, vi flugetas
Kaj kolerete bruas! Vi ne scias,
Ke la liberajn birdojn manĝas katoj
Aŭ homoj! Ĉie estas malbonuloj!
Knabino kaj birdeto devas havi
Ŝirmejon, kaj bezonas kaĝon ambaŭ!

*Ŝi iras al la fundo sur la balkonon. Renato kaj Roberto restas ĉarmitaj, vidante Solanĝon, kiu, nimbita de sunlumo, pendigas la kaĝon inter la grimpantajn rozujojn.*

RENATO, *duonvoĉe.*

Ŝi estas ĉarma!...

ROBERTO, *duonvoĉe.*

Jes!...

RENATO, *emociite.*

Ĉi tiujn murojn
Kadukajn taras ŝi palaco sorĉa!
Ĉu jen ne estas, meze en radioj,
La Sankta Virgulino? Ĉu tra la
Fenestro malfermita ni ne vidas
La Paradizon? Ĉu ne Dio mem
Per ŝia buŝ' riproĉas nian agon?
Ho, ni foriru, kaj forlasu nian
Projekton!

ROBERTO, *moke.*

Ha, la Sprito timas ! La
Beleco duobligas la vetsumon !

*Ĉar Solanĝo revenas sur la scenejon, ili rapide eliras.*

**SCENO XVIIa.**

**Solanĝo,** *poste* **Olivero.**

SOLANĜO, *antaŭenirante kaj parolante al sia kolombo.*

Vetero estas bela, la verdaĵoj
Odoras milde ; vi tre bone estos,
Dum mi la ĵenan libron legos...

*Si sidiĝas kaj, sin turnante al la kaĝo.*

Pensu
Al la birdetoj, kiujn oni rostas !

OLIVERO,

*eniras pripensante kaj parolas al si mem.*

Nenion trovas mi !

*Li ekvidas Solanĝon, kiu legas.*

Solanĝo, kion
Vi legas jen ?

SOLANĜO.

La vivon de Godfrido,
La amuzisto de Filip' la Kvina.
Post la sukces' de nia entrepreno,
Ĉu ne, ni ankaŭ havos amuziston ?

OLIVERO.

Jes.

*Havante subitan inspiron, kaj parolante al si mem.*

Amuzisto ! Ho, jen la rimedo ;
« Heureka ! »

SOLANĜO.

Kion diras vi ?

OLIVERO, *vivece.*

Mi trovis !
Aŭskultu bone, karulino ! Urĝas !
Tuj venos via patro .. Malĝojega
Vi ŝajnu, kvazaŭ vi malsana estus !
— Rimedo tio estas por venigi
Reĝidon Carman ! — Vi komprenos poste...

*Eniras la Barono kun Vulkano ; li vidas Oliveron priokupita.*

**SCENO XVIIIa.**

**Olivero, la Barono, Solanĝo, Vulkano.**

LA BARONO, *al Olivero.*

Nu, kial tiu malgajec' ?

OLIVERO, *kun afektita malĝojo.*

Silentu,
Sinjor', filino via estas tre
Malsana !

LA BARONO, *mirante kaj rigardante Solanĝon, kiu ŝajnas tute senkuraĝa.*

Kio ? Ŝi, malsana ?

OLIVERO, *riproĉe.*

Jes,
Knabin' fatale malsaniĝas en
Soleco tia !

LA BARONO, *vokante sian filinon.*

Kara... !

OLIVERO.

Ĉesu bruon.
Ŝi svenas preskaŭ ! Jen komenco de
Malsano, kiu ofte trafas la
Knabinojn, kiam oni ne al ili
Havigas plezuraĵojn aŭ turnirojn
Aŭ kantojn de l' rapsodoj... kiam patro
Tro egoista ne bontempe ilin
Konsolas, distras...

LA BARONO, *rapide irante al sia filino.*

Ho, filino mia,
Solanĝo ! Ĉu mi preterlasis tro
Amuzi vin ? Respondu !

SOLANĜO, *ludante sian rolon.*

Jes, jen mia
Malsano ! Mia cerb' — mi tion sentas —
Bezonas frivolaĵojn, amuzaĵojn !

OLIVERO, *instrue.*

« Casus tristitiae », melankolio !

LA BARONO, *emociite.*

Tuj, Oliver', ni devas ŝin gajigi !
Ni serĉu tuj rimedon !

OLIVERO, *ŝajne serĉante.*

Jes, rimedon...
Ha... kion diras Hipokrat' en sia
Ĉapitro deka, pri lienmalsanoj ?

LA BARONO, *time.*

Li diras...?

OLIVERO.

Se l'malsano estas grava,
La resanigon oni ofte havas
Per amuzistoj.

LA BARONO.

Amuzistoj ?

SOLANĜO, *ankaŭ miras.*

VULKANO.

Ĉiuj
Sinjoroj havas amuzistojn, kiel
Distrilon !

OLIVERO.

Estas ja aĉeti bruon,
Lupreni ridon kaj gajecon !

VULKANO.

Tre
Riĉula tio estas !

LA BARONO, *ankoraŭ emociite.*

Amuziston
Mi dungos.

OLIVERO.

Li forpelos la malĝojon
El tiu ĉi kastel' malnova ! Kaj
Cetere, la impreso ĉe l'najbaroj

Tre bona estos : necesajon ni
Ne havos, sed neutilajon ; oni
Admiros...

LA BARONO, *karesante sian filinon.*

Se ni nur Solanĝon savos !...
Ĉu vi vin sentas nun pli sana ?

SOLANĜO.

Iom...

*Aparte.*

Sed la Reĝido Ĉarma... ?

*La vendisto eniras dekstre kun ambaŭ siaj helpistoj.*

**SCENO XIXa.**

**La samaj, la Vendisto, Renato, Roberto.**

LA VENDISTO, *al ambaŭ siaj helpistoj.*

Venu, paku
Ĉi tion.

OLIVERO, *mallaŭte al Renato kaj Roberto.*

Trovis mi, aŭskultu !

*Al la Barono, sidiĝante ĉe la tablo.*

Moŝto,
Mi skribas la avizon, kiun oni
Dum ok' da tagoj krios de Mautpré
Ĝis Tours, kun vokoj de la trumpoj.

*Lâ skribas kaj intence elparolas tre precize.*

« Oni
Deziras amuziston .. amuziston
Por junulino... simpatian... »

*Li signifplene rigardas Renaton kaj Roberton.*

LA BARONO, *diktante.*

« Kaj
Porfamilian, decan kaj agrablan... »

OLIVERO, *daŭrigante skribi.*

« Fidindan nepre... »

VULKANO.

« Tute ne drinkeman !...»

RENATO, *aparte.*

Sen dub' li volas...

OLIVERO, *daŭrigante skribi.*

« Amuziston, kiu
Prefere havos referencon... »

LA BARONO, *diktante.*

« Post
Monat' da provo, oni la salajron
Difinos... En Mautpré li venu post
Monato. »

ROBERTO, *aparte.*

Mi komprenas.

*Olivero, la Barono, Vulkano, ĉirkaŭas Solanĝon, kies sanstato ŝajnas iom pli bona.*

LA VENDISTO,

*al siaj helpistoj, intence malĝentile.*

Portu tion !

*Li eliras maldekstre.*

ROBERTO, *duonvoĉe, al Renato.*

Mi montros forton de l'eleganteco,
De la belec' kaj bona sintenado !
Beleco venkas spriton, vidos vi !

*Li ŝarĝas pakaĵon sur sian ŝultron kaj eliras.*

RENATO,

*antaŭ ol lin sekvi, rigardas Solanĝon kun emocio.*

Kaj mi ŝin savos, se min helpos Di' !

*La dua akto aperos en la proksima numero.*

---

## GRATULOJ

La urbestraro kaj la enloĝantaro de Antwerpen festis la 20an de Novembro la oran teatrojubileon de S-ino MARIE VERSTRAETE, kiun la esperantistoj aklamis en la rolo de l' Patrino de *Kaatje*. Ni tutkore gratulas la talentplenan flandran kaj esperantistan aktorinon !

— Ni prezentas antaŭ niajn gratulojn al S-ro JAN VERBRUGGEN kaj F-ino RACHEL DE BAECK (Boom), kiuj geedziĝis, kaj al Ges-roj FL. VAN CLEEMPUT (Gent), kiuj pliriĉiĝis je fileto.

---